.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj





Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby

PLENUMITA 25/07/2019 Kvarcenttrideksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)

**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 840,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 315,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 297,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 228,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.78



Ankaŭ adjektivoj povas havi komplementojn, ĉu ili estas verbaj aŭ ne: "Liaj FORTE admonaj vortoj" > "Liaj EN ALTA GRADO admonaj vortoj" , kaj "Liaj TRE severaj vortoj" > "Liaj KONTRAŬ LA KUTIMOI severaj vortoj". Adjektivoj kiuj povas ĉehavi Objekton aŭ Adjekton estas nur tiuj kiuj havas participan sufikson aŭ, limigite, kun la sufiksoj "-ema, -ebla, -enda, kaj –inda": "La tritikon MANĜEMAJ KOKINOJ" kaj "La NENIAM forgeseblaj nomoj". La verbaj radikoj de la participoj povas ĉiam ĉehavi, kiel komplementon, la Objekton aŭ la Adjekton de la verba radiko, sed neniam la Subjekton (ĉar ĝia substantivo estas ĉiam la subjekto). Jen ekzemploj: "Ni estas manĝantaj la kokinaĵon" > LA KOKINAĴON manĝantaj ni"; "La kokinaĵo estas manĝata de ni" > "La DE NI manĝata kokinaĵo"; La LA HUNDON frapinta viro; La DE LA VIRO frapita hundo; La AL ROMO vojaĝonta amiko; Mia SIAN AMIKON adiaŭanta fratino; Nia SIAN MANĜON ĈIAM EKSTERE manĝanta hundo; Iu sinjorino forgesinta SIAN PLUVOMBRELON; La ĈIAM EKSTERE lasitaj ŝuoj de la infanoj. Principe oni rajtas meti la komplementon post la adjektiva participo, sed oni malofte faras tion ĉar la latinidaj kaj la ĝermanaj lingvoj neniam faras tion: "La lasita EN LA DOMO pluvombrelo". Oni tamen faras tion regule en la angla kaj la slavaj: "La renkontita HIERAŬ EN LA URBO amiko" kaj "La amiko doninta AL MI TIUN LIBRON". *Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***





# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 21a de julio estis la tria sabato. Venis Roger Springer, Michael Peters, John Cassey, Chris Holliss kaj Ian Wylles

*Roger Springer*



# Vintraj floroj en mia ĝardeno.



**NUR KELKAJ .**

Kelkaj tre malaltaj sovaĝaj plantoj daŭrigas produkti tra la vintro kelkajn florojn, speciale en la razenoj, ekzemple lekantoj (*daisies*) kaj flormanĝeblaj trifolioj (*clover*). Sed plene floras jam la unua akacio, (*wattle*), en amaso da flavaj floroj, kaj ankaŭ la japoniko (*flowering quince*), kun rozkoloraj floroj, kiu floras dum la tutaj vintro kaj printempo. Subite antaŭ kelkaj tagoj ekfloris ĉiuj tritomoj (*redhot pokers)* kune, kiel subita granda flamo. Mi nun atendas la ekfloradon de la dua akacio. Post tio venos la narcisoj (*daffodils*) sekvataj de la eŭropaj fruktarboj. Miaj amerikaj kverkoj ankoraŭ ne finis perdi siajn foliojn; la eŭropaj kverkoj perdas ilin multe pli frue en la aŭtuno. La folio de la eŭropaj kverkoj estas pli entranĉita ol la amerika, sed la arboj mem estas pli grandaj kaj altaj ol la eŭropaj. Mia amerika estas unu el la plej grandaj en Melburno, sed mia eŭropa estas malgrandspeca kun aŭtune brunaj folioj, Ĉi lasta donacatis al mi de Caulfield Esperanto-grupo antaŭ sepdek jaroj pro mia kelkjara instruado tie. Mi antaŭ pluraj jaroj plantis kelkajn amerikajn sur unu el miaj stratflankejoj, kaj du el ili enuadas la elektrodratojn, sed la kompanio fortranĉadas la branĉojn.



*Marcel*.

**KIEN INDONEZIO ?**

En la jaro 1978 mia okupo estis kiel instruisto de la franca kaj germana lingvoj en la *Caulfield Grammar School*, unu el la plej grandaj, kaj plej multekostaj por la lernantoj, lernejoj en Melburno. Mi estis la ĉefinstruisto por lingvoj, instruis la francan kaj la germanan, kaj enkondukis ankaŭ la hispanan, Latinon, kaj Esperanton poste, ĉio en la oficiala horaro. Je la fino de 1977 la sublernejestro senintence menciis al la lernejestro, ke sur la stabolisto estas ankaŭ nederlandano kiu loĝis en Indonezio. La lernejestro pensis ke temas pri mi, ĉar li sciis ke mi estis nederlandano. Do en kunveno por la gepatroj li oficiale anoncis, ke ekde la sekvanta jaro la lernejo oferos ankaŭ la indonezian lingvon (tiutempe iom populara) kiel eron de la fakaro. Ĵus antaŭ la fino de la lernejojaro li menciis al mi, ke en la proksimjara

horaro mi instruos la indonezian lingvon, ĉar mi ja kapablas ĉar mi ja loĝis en Indonezio. Granda embaraso por mi, kiu tiutempe neniam antaŭe lernis la indonezian, kaj ne loĝis tie. La miskompreno okazis, ĉar unu el la novaj purigistoj estis nederlandano el Indonezio. Tiu lasta certe ne akceptus instrui la indonezian, ĉar kiel purigisto li salajratis pli alte ol instruisto. Do mi tuj devis komenci lerni la lingvon, por povi instrui ĝin post du monatoj. Mi unue partoprenis kelksemajnan kurson por fremduloj en Salatiga, urbo proksime de Jogjakarto sur Javo. Poste, en Januaro, mi faris kun mia edzino Alida turistan vojaĝon al kaj en parto de Indonezio kiun mi antaŭe neniam vizitis, nome Toraĵolando en la okcidenta centro de la insulo Sulawesi (Celebers), kiun insulon malmultaj turistoj vizitas. La provinceto havas du urbojn, Makale kaj la turisman Rantepao. Por atingi tiun Toraĝalandon oni tiutempe devis fari malrapidan kaj malfacilan okhoran vojaĝon per loka aŭtobuso el la ĉefurbo de Sulawesi, Udjung Pandang , tre islama urbo kun sia fama nederlanda fortifikaĵo kaj malliberejo "*Fort Rotterdam*". La toraĝoj estas aparta raso, kaj por montri ke ili origine venis el Vjetnamujo, ili konstruas siajn domojn en formo de renversitaj boatoj, eĉ la konservejojn por la rizo. Krome ili ornamas la eksteron de la konstruaĵoj per ampleksaj lignaj skulptaĵoj. Ili metas siajn mortintojn en kavojn kiujn ili antaŭe elhakis el la rokoj, se eble dek aŭ pli da metrojn alte. Antaŭ la tomboj en la kavoj ili konstruas balkonojn sur kiujn ili metas pupojn reprezentantajn la mortintojn. En la malaltaj tomboj oni povis vidi kaj tuŝi la kadavrojn, sed nun ne plu ĉar la entreprenaj turistoj usonaj forŝtelis tiujn kadavrojn por vendi ilin en Usono, multprofite. Escepte de la kristana norda parto de Sulawesi, la resto estas tre muzulmana, sed la toraĝoj restis kristanoj pro tio ke ili ne volis perdi sian vastan kutimon manĝi porkaĵon. Ĉar la toraĝoj restis kristanoj, la nederlanda kolonia registaro favoris ilin per bonaj lernejoj kaj malsanejoj, kaj per bone pagataj oficoj. Ili plu elspezas multe da mono por organizi siajn famajn celebrojn. Tre riĉaj toraĝoj elspezas dekojn da miloj da dolaroj por konstrui centran placon kun en la mezo la kadavro de la mortinto, ĉirkaŭ kiu okazas dum pluraj tagoj ĉiaj specoj de spektakloj, dum ĉirkaŭ la placo oni konstruas (kaj poste ree malkonstruas) domojn, vilaĝeton, por la multaj familianoj venantaj el aliaj partoj de Indonezio, kaj ankaŭ por la ĉiutagaj gastoj. Dum tiaj ceremonioj ĉiu toraĝa vilaĝo donacas ion laŭ la riĉeco de la vilaĝo, kaj la organizantoj de la ceremonio registras ĉiun donacon, eĉ la tre malriĉan, ĉar en venonta ceremonio de alia vilaĝo la nuna ceremoniuloj donacos samvaloran donacon al la alia estonta. Dum la riĉaj ceremonioj oni mortigas porkojn, kaj kuiras parton por doni al la multaj vizitantoj por manĝi. En tre riĉaj oni mortigas unu aŭ du (tre multekostajn) akvobubalojn (karbaŭ) , tre populara procedo. La karbaŭmortigisto estas fama persono, kaj klera ĉar li devas mortigi la beston per unu sola hako de la tranĉilo tratranĉante la gorĝon. Knaboj tiam kaptas la sangon. Post tio oni surloke buĉas la viandon, kaj kuiras parton por la ĉeestantoj. Intertempe okazas plene da muzikado kaj aliaj distraĵoj. Se la mortigisto ne sukcesas trahaki la gorĝon en unu hako, tio estas granda honto por li kaj por lia vilaĝo (la mortigisto venas el alia vilaĝo).





***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Povi ĉeesti tian ceremonian feston estas tre bonŝanca afero, kaj ni sukcesis fari tion en la jaro 1980, ĉar post du jaroj da instruado ante la indonezian lingvon, mi organizis ekskurson por miaj lernantoj en la indoneziaj klasoj. Mi ne povas priskribi la tutan ekskurson, sed mi tradukas ĉi suben parton de la unua paĝo de dekdupaĝa vojaĝraporto verkita de unu el la partoprenantoj, la nun morta sekretario de la lerneja direktoro, Helen Vimpany:

"Mi estas nun hejme el de tri semajnojn , kaj...............

"Pri kio mi parolas? La ŝanco ................................

"Ĉar la celo de Marcel estis, teni la koston malalta por ebligi al pli da gepatroj sendi sian filon, la vojaĝo estis sur la plej malalta buĝeto kaj oni devus fari Marcelon la Kasisto de Aŭstralio: li sukcesis daŭrigi la monon nekredeble!. Ni ĉiuj havis ankaŭ la grandan avantaĝon de liaj pluraj antaŭaj vojaĝoj tra Indonezio. ............... . Neniam antaŭe aŭstralia lernejo vizitis ĉi tiun insulon. La fina nombro estis 26, konsistanta el 16 C.G.S.-studantoj lernantaj la indonezian lingvon, 2 fratinoj, du patroj, unu patrino, Marcel kaj lia edzino Alida, du instruistoj, Graham kaj Sue, kaj mi. La aĝoj de la knaboj estis inter 13 kaj 16, la fratinoj 16 kaj 18, kaj ambaŭ ĝuigaj.

"Antaŭ ol ni foriris, la planoj aspektis tre vagaj sed , kompreneble, Marcel sciis plej bone ĉar se ni estus penantaj fari firmajn planojn ili sendube malsukcesus en Indonezio kaj tio malĝojigus la aferon, dum ĉe ĉi tiu necerta maniero ĉiu tago pleniĝis ĝoje dum ĝi venis. Antaŭe li jam instruis al ni kelkajn atendotajn kutimojn kaj kulturaĵojn: kiel raso ili simple ne scias montri malpaciencon nek koleron, do ni devos "daŭre ridetu kaj estu ĝentila kaj afabla". Tio neniam estis malfacila ĉar ili estas tiom ĝentila kaj fidanta popolo kiu bonvenigis nin varme individue kaj kiel grupon. Ne necesas diri, ke li havis la plenan respondecon trakti ĉiujn necesajn aŭtobusojn kaj transporton, loĝadon, flughavenojn, k.t.p. kaj iel ankaŭ sukcesis, pacience kaj plu ridetante, trakti la miksitajn aĝojn kaj tipojn de li gvidatajn. Alida, ĉarma kaj feliĉa sinjorino, evidente estas kvieta forta subteno ante Marcel kaj ilia amo ante la landon kaj la popolon baldaŭ valorigatis kaj alprenatis de ni.

"La knaboj, same kiel la plenkreskuloj, trankvile trovis, ke estis la "reala popolo" en la vilaĝoj kaj malgrandaj urboj kiu " gajnis nian koron". Kompreneble ankaŭ en la urboj estus admirindaj homoj, sed ni havis la ŝancon renkonti tiajn homojn individue kaj, malfeliĉe, mi sentas ke ili komencas alpreni la okcidentulajn kutimojn, perdante sian propran simplecon. Vi sendube komprenas, ke mi komencis senti ke tiuj homoj, kiel laŭ miaj spertoj en la grekaj vilaĝoj, havas ion specialan, kaj estas eble tiaj kiaj ni devus esti. ".

Kvankam iomete naive, la verkantino, kaj ankaŭ mi, trovis en tiu tempo, antaŭ kvardek jaroj, alian landon kaj alian popolon ol ni trovas nun. Tio kontraŭas mian sperton pri Aŭstralio, ke nia lando kaj popolo kaj spirito malmulte ŝanĝiĝis el antaŭ sesdek-kvin jaroj, kiam mi enmigris en Aŭstralion, aparte de la teĥnikaj aferoj. Laŭ mia sento ni ne ŝanĝiĝis spirite, dum la indonezianoj ŝanĝiĝis spirite kaj sente. Probable tion parte kaŭzis la komercismo, sed mi pensas ke la plej funda kaŭzo estis la regimenta islamado. Antaŭ kvardek jaroj ekzemple neniu virino, inkluzive de la plej fanatikaj islamanoj, surhavis la burkvon, la islaman harkovrilon. Ĉiu virino senescepte havis sian hararon nekovrita. Mi parolas pri la multaj partoj de Indonezio kiujn mi vizitis (dum dek-du du- aŭ trisemajnaj

ĉirkaŭvojaĝoj), kaj eble estis malsame en la malgranda provinco Atjeh, la norda pinto de Sumatro kiu parteto estis, antaŭ ol de la nederlandanoj, koloniita de islamaj araboj. La verkistino parolas pri Ubud, kiu ne havis proprajn butikojn. Se vi vizitas Ubud aŭ Rantepao nun, vi sentas vin en aŭstralia butikstrato. En pure islamaj partoj, kiel en la okcidenta duono de Lombok kaj en preskaŭ ĉiuj partoj de Ĵavo, la homoj tre malofte aŭ neniam vizitadis siajn moskeojn, se ili havis. La insulo Madura, apud Ĵavo, tre islama, neniam vizitadis de turistoj. Mi restis tie nur unu tagon. Cetere, laŭ mia opinio, la indonezianoj estis la sola popolo en Azio kun malsama spirito ol ni: ili sentis sin parto de la naturo ĉirkaŭ kaj sub si. Ĉiutage kaj ĉiunokte ili honoris la naturon kiel sian patron, kaj obeis ties leĝojn. Kontraŭe al la aliaj azianoj, kaj precipe la ĉinoj kaj la eŭropanoj, kiuj ŝanĝadas la naturon kiel sian sklavon. Spirite Indonezio ne apartenas al Azio: ĝi havas sian propran unikan kulturon, precipe en Ĵavo, kie loĝas naŭ el dek indonezianoj, kaj kies regemuloj nun traktas la reston de Indonezio kiel sian kolonion. Mi pensas ke la antaŭa vilaĝa kaj malurba parto plu daŭrigas sian unikan kulturon . Mi esperas.

*Marcel Leereveld.*

## GRAMATIKA HARFENDADO .



Konsideru la jenan diferencon : **1e**. "Ni restis tie pli ol unu semajnoN" = Ni restis tie pli da tempo ol UNU SEMAJNO, do eble ok aŭ naŭ tagojn. La kerno de la adjekto estas "pli", pli ol ni restis unu semajnon. Sed en **2e**.:Ni restis tie pli ol unu semajnoJN", do ni restis tie semajnojn, ja "pli ol unu". Ĉi tie la kerno de la adjekto estas "semajnojn" kaj kiom? "pli ol unu", do du aŭ tri aŭ pli da ili. Alivorte: "Ni restis tie PLI" = iun ajn tempon, AŬ "Ni restis tie semajnojn = iun ajn nombron da semajnoj ĉar "pli ol unu".

**SIMILE .**

Karlo kaj lia filo iris vidi operon = LIA ĉar "kaj" estas konjunkcio.

Karlo kun sia filo iris vidi operon, = SIA ĉar "kun" estas prepozicio kaj prepozicioj en lingvoj similas al kaj funkcias iomete kiel verboj. Same do: "Ni renkotis Karlon krom sia filo". kaj "Ni renkontis Karlon kaj LIAN filoN.

**Same**: Ŝi observis sian edzon kaj lian koleginon, kaj Ŝi observis sian edzon kun sia koleginon, kaj Ŝi observis sian edzon kaj sian koleginon = la kolegino de ŝi. Sed kio se iu diras "Ŝi observis sian edzon kun sia kolegino? Ĉu la kolegino de li aŭ de ŝi? Oni ne scias, do devas pliklarigi la aferon: Ŝi observis sian edzon kun la kolegino de li aŭ la kolegino de ŝi. Cetere ŝi ne diros al vi nek al mi, kun kiu estis ŝia edzo, neke kun kies edzo , ŝia aŭ aliies (se ŝi prenas sian rajton), ŝi troviĝis la sekvantan vesperon en iu restoracio.

**ANKAŬ**: La demando pri la rezonado, do pri : kial mi foriris frue, estas la "kialo", kaj la respondo al la kialo estas la "tialo", la rezono pro kiu mi foriris frue, nome por ne maltrafi la vagonaron. Se vi ne samopinias pri tio, kion alian do signifus "la tialo"? Kaj donu pruvojn ke vi pravas!

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

**KROME**: Plej multaj ege kleraj Esperantistoj eŭropaj trovas sian etnan lingvon pli grava kaj pli valora, ĉar pri Esperanto ili diras aŭ pensas "Ne gravas fari en Esperanto kelkajn erarojn", sed ili neniam dirus aŭ pensus tion pri sia etna lingvo. "La bona lingvo" por ili evidente estas malpli bona ol iliaj etnaj lingvoj. Ĉu ili vojaĝus en flugmaŝino kies motoroj ne estas perfektaj? Kiel Esperanto devas esti perfekta. Kompatinda Esperanto! Kaj kompatinda Zamenhof! Kaj eliluziiĝinta mi!

*Marcel Leereveld.*

Mia Karmanjolo pri Zamenhof:

"Vivu la son' del' plejbon';
Vivu Majstra' geni". =
= "Vivu la sono de la plej bona!';
"Vivu la genio de la Majstro!".

(Akcentoj en la kanto sur: Vivu la SON DEL' plejBON ! )
Vivu MajSTRA' geNI ! )

*M. L*.





Mi estas en Darvino kaj mi enkontis Marc Schmidt. 2019-07-19
Amike,
*Sandor Horvath*



# Finnlando

"Helsinko estas urbo kun kelkaj suprizoj. Ĝi memorigas min pri Melburno pro la multaj tramoj kiuj pasas tra la stratoj. Multaj konstruaĵoj venas de la Art Nouveau stilo, sed plejparte ili estas modernaj. Ni vizitis la novan bibliotekon kun ne nur libroj sed 3D presiloj, komputiloj, kuirejo, kudromaŝinoj ktp.




*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*





Oni diras ke la Finnoj estas la plej feliĉaj en la mondo. Ili certe havas unu el la plej bonaj edukadaj sistemoj en la mondo kaj la registaro bone zorgas pri tiuj kiuj estas malsanaj aŭ maljunaj. Infanoj ne iras al la lernejo ĝis post la 7a jaro. Proksimume 900 partoprenas en la kongreso."



*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au





Heather Heldzingen Lahti

# La Jarkunveno de EFNSK




okazos **dimanĉon la 1an de septembro je la 11-a matene**.

La estraro demisios kaj la postenoj estos atribuitaj dum la jarkunveno.

Ĉiuj kandidatoj, inkluzive de tiuj, kiuj jam estas estraranoj, devas esti kandidatigataj kaj subtenataj. La kandidatoj devas ankaŭ konsenti, per retpoŝto, ke li aŭ ŝi akceptos la postenon. La sendanton de la unua kandidatigo oni konsideros kiel la proponanton, la duan kiel la subtenanton. Ambaŭ devas esti financaj membroj de EFNSK.

Laŭ la nova statuto de la Federacio (legebla ĉe http://esperantohouse.org.au/eo/about-us/), se iu estis estrarano seninterrompe dum naŭ jaroj aŭ pli, speciala rezolucio devas okazi, por permesi lin aŭ ŝin esti kandidatigata (kaj elektota) dum pluaj periodoj. Tial, ni voĉdonos pri la jena rezolucio (en la angla) dum la jarkunveno:

• *That Nicole Else and Dmitry Lushnikov be permitted to be re-elected as directors.*

Membro povas esti kandidatigata por unu aŭ pli el la jenaj postenoj:

- prezidanto - vicprezidanto - ĝenerala estrarano

Sendu kandidatigojn rete al: **nsw@esperanto.org.au**

Aŭ poŝte al: EFNSK Esperanto House 143 Lawson St Redfern NSW 2016

**Kandidatigoj devas esti ricevitaj antaŭ la 31a de aŭgusto 2019**

Ni esperas, ke vi povos ĉeesti la jarkunvenon, kaj bonvolu sciigi nin, ĉu vi deziras esti kandidatigata por la estraro aŭ povas iel helpi la Federacion.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

Se vi NE povos ĉeesti sed tamen ŝatus voĉdoni, vi povas peti iun voĉdoni nome de vi (kiel via mandatulo). Bonvolu kontakti nin se vi ŝatus pli da informoj.

Ni ankaŭ feliĉus aŭdi viajn komentojn, ideojn, ktp, por la venonta jaro.

Amike, *Nicole Else* Sekretario, EFNSK

# La Aŭstraliaj Kluboj http://aea.esperanto.org.au/local-groups/

**Brisbana Esperanto-Societo** Petro Danzer **Tel:** 0402 766 557
**Retpoŝto:** brisbane@esperanto.org.au

**Central Coast and Newcastle Esperanto Club** Joanne Cho Tel: 0413 087 340
Retpoŝto: centralcoast@esperanto.org.au

**Esperanto Coffee Club of Canberra** Huigh Malcolm Tel: (02) 6288 4334
Retpoŝto: canberra@esperanto.org.au

**Esperanto Federation of New South Wales** Tel: (02) 9319 4775
Retpoŝto: nsw@esperanto.org.au

**Esperanto in South Australia** Indrani Beharry-Lall Tel: (08) 8285 3128
Retpoŝto: sa@esperanto.org.au

**Esperanto League of Western Australia** Shayne Power Tel: (08) 9343 9532
Retpoŝto: esperantowa@hotmail.com

**Manly Esperanto Club** Roger Springer Tel: (02) 9976 6320
Retpoŝto: manly@esperanto.org.au

**Melbourne Esperanto Association** Heather Heldzingen Tel: (03) 9525 4295
Retpoŝto: melbourne@esperanto.org.au

**Tasmanian Esperanto Society** Kam Lee Tel: (03) 62251474
Retpoŝto: tas@esperanto.org.au

**Torquay Esperanto Coffee Club** John Adams Tel: (03) 5261 2899 / 0421 043 272
Retpoŝto: torquay@esperanto.org.au

**Tuvumba Esperanto-Societo** Hazel Green **Tel:** (07) 4691 1238
**Retpoŝto:** toowoomba@esperanto.org.au

**Se informon pri via klubo mankas aŭ eraras informu min.** *Roger Springer* rspring@tpg.com.au

Semoj en ŝrankoj ne kreskos,
Ekstere miloj
mortos.
SED




Unu disigita semo povas kreski ĝis
bela estaĵo. Semu Esperanto-semojn




*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*